

# Boletín

nº 380 augusto/oktobro




## Internacia Semajno en Tossa de Mar



*Asociación de utilidad pública*

FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 380 (aŭgusto-oktobro 2007)

**Ĉefredaktanto:**

Jorge Pavón

**Kunlaboris:**

Angel Arquillos, Antonio del Barrio, Augusto Casquero, Luis Hernández, José María Salguero, Juan Trenado, Lorenzo Noguero, Lupe Sanz, Pedro Zurita

Korektado: Alejandro Pareja

✉
bulteno(heliko)esperanto .es (heliko=@)
Calle Juliana nº4
El Escorial (Madrid) 28280



Hispana Esperanto Federacio
Federación Española de Esperanto
Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;
ES-28015 Madrid
admin(heliko)esperanto .es (heliko=@
Tel (34) 914468079
Konto ĉe BBVA:
0182-1252-31-0204011961



Presejo: Gráficas Aurora. Zaragoza
DL- Z- 334-90

## Prezento



Saluton!

Ja somero estas la tempo kiun esperantistoj elektas por vojaĝi al diversaj eventoj kaj renkontiĝoj. Pro tio, en ĉi tiu numero vi trovos abundan informon pri diversaj someraj aranĝoj okazintaj tra la mondo: en Japanio, Vietnamio, Hungario, Francio) aŭ en nia lando (Alakanto kaj Ĝirono, krom la jam raportita Hispana Kongreso). Certe multas ebloj por ĉies preferoj.

Nun, videblas en la horizonto la jaro 2008, plena de novaj projektoj kaj defioj. La venonta kongreso okazos en Cuenca, kaj jam eblas aliĝi. HEF aprobis agad-planon por du jaroj, kiu ebligos diskonigi esperanton kadre de la Internacia Jaro de la Lingvoj kaj de du gravaj dat-revenoj: de UEA kaj de Zamenhof. La iniciato malfermas al novaj ideoj kaj ĉiuj estas invitataj kunlabori por ĝia sukceso. Alia afero kiun ni devas atente konsideri estas la necesa renovigo de la estraro ĉar certe konvenas kaj eĉ urĝas refreŝigi la fortojn de HEF. Nuntempe oni esploras eblajn reformojn kaj kiel pli bone organizi la taskojn.

Fine, mi volus rememorigi al la lokaj grupoj, ke ili ne hezitu uzi *Boletín* por diskonigi sian agadon. Ĉi tiu estas ankaŭ via revuo.

Plaĉan legadon

# Enhavo



Kovrila foto: de maldekstre Luis Serrano, la magistranato pri kulturo, S. Torne kaj M. Gutierrez Adúriz.

# Estrarkunveno de HEF **2007-09-17**

Okazis la lundon 17an de septembro, en la sidejo de HEF je la 18,00. Ĉestis la estraranoj: Carmen Suárez, Lupe Sanz; Augusto Casquero, Jorge Pavón kaj la ne estraranoj: M. Parra, Alejandro Pareja, Juan del Castillo kaj Tonyo del Barrio

## 1. Ĝenerala Kunveno 2007, Palos (Huelva)

Oni aprobas ke la protokolo aperinta en Boletín-279 estas la oficiala teksto kiu devas esti transkribita en la protokol-libro kun la subskriboj de Jorge Pavón, kiu agadis kiel Sekretario, kaj Augusto Casquero kiel Prezidanto.

## 2. 67a Hispana Kongreso 2008

➢A. Pareja konfirmis ke la Kongreso okazos en Cuenca inter la 3a kaj 6a de Julio Kongresejo kaj loĝejo ( ne konfirmita oficiale) “Colegio Mayor Alonso de Ojeda” Por kongrui kun la projekto de Tonyo (vidu punkton 6an) la temo devos rilati al “Internacia Jaro de la Lingvoj de UN” kaj la programo devos inkludi inviton al membro de UEA por prelegi pri UEA kaj al alia por prelegi pri Federico García Lorca okaze de la datreveno de la *Cigana Romancaro*

➢ **Loka Kongresa Komitato**. La

Kongreso estas organiziita de la LKK ne de HEF. Prezidanto: Alejandro Pareja, Vokalo: Lupe. Mankas almenaŭ Sekretario kaj Kasisto

➢**Aliĝilo**: aperos en Boletín-280. La kotizo estos 30 eŭroj (25 por HEF-anoj)

➢**Afisho:** En esperanto. Ĝi inkludos la temon, se eblas.

## 3. Sekretario

➢Oni aprobas sendi, antaŭ la fino de la jaro novajn memorleterojn al ĉiuj kiuj ŝuldas kotizojn.

➢José Rodríguez jam kreis arkivon por eldoni kvitancon por la pago de la kotizoj. (Word ligita al Access).

➢**HEF-subvencioj al E- grupoj 2007** Ĝis nun oni ricevis peton nur de Barcelona Esperanto-Centro. Oni devas denove anonci la regularon en la forumoj kaj en Boletín.

➢Dum la Hispana Kongreso oni ne aĉetis la 10 ekzemplerojn de la vortaro *Amika* por HEF ĉar la eldonisto ne ricevis nian mendon. La vortaro jam estas preskaŭ elĉerpita do, HEF atendos la venontan eldonon ĉar por la koresponda kurso oni havas sufiĉan stokon de Sopena.

## 4. Kontoj

➢Meze de junio la *Ministerio del Interior* aprobis la kontojn de 2006 de HEF prezentitaj en marto.

➢Oni aprobas sendi al banko la pagon de la kotizoj kiam okazos nova aliĝo, eĉ unuope. La banko enspezas po unu euron por kotizo.

➢Laŭ la propono de Pedro Garrote akceptita dum la lasta Ĝenerala Kunveno en Palos rilate egaligi ĉiujn kotizojn por simpligi administradon , oni aprobas ke la kotizo por la jaro 2008 estos po 31 eŭroj por ordinaraj membr-oj kaj po 62 por kolektiva membroj.

## 5. Renovigo de la estraro

➢En la lasta Ĝenerala Kunveno la Prezidanto informis ke oni kreis komisionon por trakti la nunajn organizajn problemojn de HEF kaj serĉi eventualajn kandidatojn por anstataŭi iujn estraranoj. Pedro Hernández kunordigos tiun komisionion.

➢Augusto, Carmen, Lupe kaj Pedro lasas siajn postenojn je la dispono de la Komisiono por trovi novan estraron.

➢Pedro, kiel kasisto anoncis ke li forlasos la postenon en la estraro januare 2009 kiam li fermos la kontojn de 2008.

➢Por ne krei leĝan vakuon, la nuna estraro daŭrigos sian laboron ĝis la Generala Kunveno kie oni elektos novan estraron.

➢ Pedro Hernández ne ĉeestis la kunvenon kaj kvankam li promesis sendi informon pri la laboro de la komisiono kaj ĝiaj membroj li ankoraŭ ne sendis.

➢Augusto respondis al jenaj demandoj de Lupe:

-Kiu kreis la Komisionon?
En la Kunsido dum la Hispana Kong-re so

-Kiuj estas la membroj de la komisiono?
-Oni nomumos Pedro Hernández. Oni faris liston kun diversaj nomoj al kuj demandi ĉu ili konsentas esti membro de la komisiono/estraro

-Kiaj estas la "organizaj problemoj"?
-Augusto loĝas ofte ekter Hispanio

-Ĉu Augusto diris al la asemblo ke li deziras demisii (ne aperas en la protokolo)?
-Ne

-Ĉu dum la Ĝenerala Kunveno oni sufiĉe pridiskutis tiun gravan temon kaj aprobis la kreadon de komisiono?
-Jes

## 6. Datrevenoj en 2008 kaj 2009

2008.- Internacia Jaro de Lingvoj
2008.- Centjariĝo de UEA
2009.- 150a datreveno de la naskiĝo de Zamenhof.

➢Poŝmarko: Estas petita. La respondo venos je la fino de 2007.

➢ Tonyo del Barrio (2007-09-14) sendis al diversaj e-aktivuloj la unuajn proponojn por komenti.

➢Li recevis jenajn respondojn: Prefere efektivigi du projektojn, unu por 2008 kaj alia por 2009. En 2009 eble inkludi karavanon al la UK de Bjalistoko organizota ekde Valencio

➢ Oni aprobas ke HEF kune kun Fundación Esperanto subskribos la projektojn. Provizore Lupe okupiĝos pri la rilatoj de HEF kun *Fundación* (Tonyo).

## **7.** Petoj kaj demandoj

➢Oni aprobas akcepti demision de Fernando Moral kiel ĉefdelegito de UEA. Li daŭrigos la laboron ĝis trovi novan inter la nunaj delegitoj. La ĉefdelegito ne nepre devas esti peranto de UEA. La reklamo jam aperis en la forumo esperanto-aktivado.

➢Pri la dumviva membreco de Kultura Asocio-Esperantisto oni aprobas ke nenion oni ŝanĝos, ĉar rajtoj estas rajtoj kaj la grupo KAE daŭros kiel dumviva membro de HEF.

➢Juan del Castillo petas permeson por uzi la nomon de HEF rilate studi la eblecon partopreni en la Libro-Foiro de Madrido au iu simila. Oni akceptas.

➢Oni aprobis (la estraranoj balotis rete kun la rezulto: 3 jes, 3 ne kaj unu sindeteno) ne sendi leteron al la Prezidanto de UEA kaj al la Sekretariino de Kataluna Esperanto-Asocio laŭ propono de Darío) dirante ke HEF ne vetoas al KEA kiel aperas en la revuo *Kataluna Esperantisto*.

## **8.** Aferoj ankoraŭ ne solvitaj

➢Augusto: pagoj ne ricevitaj ĉe HEF (DVD "Elektronika Esperantio")

-10 eŭroj-Adúriz prenis la ekz. en Florencia:
-10 eŭroj- Kani prenis la ekz. en Florencia
-20 eŭroj- Iturrioz prenis ilin kaj pagis al Augusto en Florencia
-60 eŭroj-Valencia Esperanto-Grupo. La ekzempleroj estas en Valencio

➢Augusto: 2007-09-01 Pri la afero de la DVD-j, kiujn mi kunportis el Florenco, daŭre mi ne havas la aferon klara, ĉar mi perdis miajn notojn pri tio. Mi klopodos ĝis decembro, kiam mi revenos el Ĉinio, ĉion ordigi, kaj se mi ne sukcesos klarigi ĝin, mi simple pagos tion, kio restas.

## **8.** Venonta kunveno

➢ Estrarkunveno: Lundon 19a de novembro je la 18,00 h en la sidejo de HEF

Lupe Sanz, vic-prezidantino

## Subvencioj por grupoj

Ĉar HEF ricevis peton de nur unu grupo, ni rememorigas, ke per la buĝeto de 2007, la estraro de HEF aprobis la elspezon de 500 eŭroj por subvencii la partoprenon de esperantaj grupoj, membroj de HEF, en foiroj kaj ekspozicioj (Vidu Boletín 378). Ĉiu grupo, membro de HEF kaj paginta la kotizojn de la lastaj tri jaroj, povas peti subvencion. Se la evento estas organizata de individuaj membroj de HEF, en urbo kie ne ekzistas grupo, tiuj rajtos ricevi subvencion en la samaj kondiĉoj kiel la grupoj. Oni akceptos nur unu peton por evento (foiro, ekspozicio, ktp.)

Oni prezentu datumojn de la grupo (nomo, prezidanto, respondeculo de la projekto, adreso, elektronika-poŝto, bank-konto, ktp.), resumon de la projekto kaj fakturojn (broŝuroj, luado de la stando, reklamoj, transporto-kosto, ktp).Se la evento okazas dum decembro, la grupoj sendos unue la buĝeton kaj poste la fakturojn, antaŭ jarfino. La peton devas subskribi la respondeculo de la projekto kaj de la prezidanto de la grupo. Se eblas, la fakturoj estu je la nomo de HEF.Se la sumo de la fakturoj ricevitaj superas la buĝetitan ciferon, oni faros proporcian dividon inter ĉiuj petintaj grupoj, konsiderante ties respektivajn elspezojn. Je la fino de la jaro 2007, HEF pagos al la grupoj la respektivan sumon.





## Andaluzio

La 16-an de oktobro, en la lernejo Al-Ándalus de Malago, dekduo da homoj ĉeestis la unuan klason de baza kurso de Esperanto, kiu plene sukcesis. La etoso estis tre agrabla, oni parolis pri la pasintaj ferioj, spertoj kun aliaj esperantistoj kaj precipe, pri la projektoj por la nova kurso kaj pri la venonta Andaluzia Kongreso de Esperanto, okazonta en la bela urbo Kordovo, eble aŭtune, post la hispana kongreso. La horaro de la klasoj estas kiel kutime, de la 18a horo. ĝis la 19a kaj duono ĉiujn mardojn.

Ángel Arquillos

Rretpaĝo de Andaluzia Esperanto Unuiĝo: www.esperanto-andalucia.org

## Asturio

Astura Esperanto-Asocio translokigis sian sidejon al la konstruaĵo de "Lernejo Jovellanos pri entreprenecaj studoj", en numero 1 de la strato Tomás y Valiente. Oktobre ili tie rekomencis instrui kurson.

## Kastilio Manĉo

La 6a de novembro rekomenciĝas la klasoj en la kafejo Pachamama de Reĝurbo(Ciudad Real) Pli da informo per 651 990 659

## Katalunio

La 19a de septembro okazis en la sidejo de Barcelona Esperanto-Centro "Casinet", strato Triadó 53 la inaŭguro de la esperanto-Kurso 2007-2008. Kiel invititoj partoprenis en la festo la samideanoj el rumanio Cristina Manu kaj Videla Pop de la urbo Gherla kaj doktoro Nagy Iosif el Bukareŝto. La horaro de la kursoj estas de la 19a horo ĝis la 19:45 por la supera kaj de tiu horo ĝis la 21a por baza nivelo. Pli de informo 933338081



kun la vizitantoj Cristina kaj Videla

La 30an de Aŭgusto, je la aĝo de 88 jaroj, forpasis en Terrassa, la membro de KAE Agustí Saludes i Vilanova. Li pace ripozu

La loka ĵurnalo *L´Informatiu* prezentis unupaĝan artikolon pri esperanto okaze de la 30-jariĝo de Barcelona Esperanto Centro.

La verkisto Abel Montangut prezentis eldonon en la hispana de sia

romano *La enigmo de l'ar@neo,* jam publikigita en esperanto kaj la kataluna.

La ensemblo *Kaj Tiel Plu* koncertos la 16an de novembro en *Plaça del Rei*, Barcelono

### Madrido

La kurso pri esperantaj lingvo kaj kulturo gvidataj de Pedro Hernández rekomenciĝas en oktobro. Ĝi okazas en la librejo Muga (Pablo Neruda 89) de la 17a ĝis la 19,00 horo kaj estas senpaga. Por aliĝi al la ret-liston, sendu malplenan mesaĝon al *esperantovallekas-subscribe* (heliko)*yahoogroups.com*

Post la feria periodo, la lundaj konversaci-rondoj kiun organizas Madrida Esperanto Liceo daŭre okazas lunde je la 18:30 en la sidejo de HEF. La oficejo estos malfermita ekde la 17:30 horo.

### La Rioĥo

Oni inaŭguris en Logroño eksposicion de fotografioj de D-ro Julián Loyola, laŭ la titolo "Un Logroñés en Eŭropa 1934-1935" kun fotoj faritaj en internaciaj kongresoj de esperanto en tiu epoko.

### Vaskio/Eŭskio

La esperantisto Aitor Arana Luzuriaga gajnis la premion de la fondaĵo SM pro sia verko en eŭska *Hilezkorrak (senmorteco)*

## Renkontiĝo en Kostariko

Dum siaj feriaj tagoj en aŭgusto Carmen Suárez kaj Lupe Sanz, sekretariino kaj vice-prezidantino de HEF, voĝajis al Centroameriko. Ili vizitis diversajn naturajn parkojn de Kostariko kaj en la ĉefurbo, San José, kunvenis kun Guido Hernández, konstruisto kaj aktiva membro de la landa esperanto movado. Li afable montris al ili la universitatan distrikton kie regule instruas esperanton. Ili ankaŭ vizitis blokon de domoj konstruitaj de li laŭ la nomo Esperanto. Dum la invito ĉe li, Guido parolis pri sia ideo eldoni vortaron hispana-esperanto kun tutamerikaj vortoj. Ambaŭ HEF-estraraninoj rekomendis al li paroli kun Miguel G. Adúriz kiu ĵus aperigis la novan vortaron *Amika*.

Lupe Sanz-Bueno



# Forpasis Alfonso Escamilla

La pasintan 18-an de oktobro, forpais nia kara samideano Alfonso Escamilla Roa, en la aĝo de 95 jaroj, post mallonga malsano, kvankam li delonge multe suferis pro diversaj problemoj precipe la kruroj, kiuj malpermesis al li piediri, tamen ĝis la lasta momento li kapablis uzi komputilon kaj legi preskaŭ senprobleme nian bultenon *Monate ĉe Vi* kaj *Boletín* de HEF, ĉar li estis membro de la Federacio kaj Andaluza Asocio.

Mi vizitis lin trifoje kaj li ĉiam ricevis min kun malfermitaj brakoj prononcante la vorton "Saluton", kaj dum kelkaj horoj li tre feliĉe babiladis pri E-o kaj sia deziro partopreni utopian Kongreson aŭ renkontiĝon, sed liaj deziroj neniam plenumiĝis. Li naskiĝis en la vilaĝo Santisteban del Puerto, provinco Jaeno, kaj en la urbo Jaeno li studis kaj lernis Esperanton. En la vilaĝo Pegalajar dum la tridekaj jaroj, li dediĉis sin al la instruado en baza lernejo, kaj ĉiuj konis lin kiel la majstro "el maestro", tamen li estis mult-faka kaj kiel bona pentristo li restaŭris kelkajn pentraĵojn de la paroka kirko, kaj estis orkestrestro de la urba fanfaro. Kompreneble, li ne nur disvastigis Esperanton, verkis artikolojn, kaj partoprenis universalajn kongresojn, li verkis interesan libron riĉo-plena je artikoloj, fotoj kaj bona gramatiko. Dum la pasinta Hispana Kongreso okazinta en Palos de la Frontera, AEU omaĝis lin per libro pri lia vivo kun aliaj interesaj temoj kaj memorig-tabulo.

Li loĝis en la urbo Linares dum multaj jaroj kaj en ĉi urbo li adiaŭis nin por ĉiam, tamen li restas en niaj koroj. Nia samideano el Jaeno, Jordi Lietor ĉeestis la funebron kaj prezentis kondolencojn nome de AEU kaj Jaena Esperanto Grupo, al la familianoj. Oni ankaŭ sendis kelkajn telegramojn kaj nuntempe nia asocio planas viziti la tombon, mi esperas ke baldaŭ, por kunporti la memorig-tabulon al la familio.

Angel Arquillos





supre Alfonso akompanata de aliaj esperantistoj kaj sube Alfonso juna.

# Projekto por agadoj en 2008-2009

## Ĝenerala priskribo

Dum la venontaj jaroj 2008 kaj 2009 okazos serio de datrevenoj en la esperantista mondo, kiun nia movado povos utiligi por diskonigi nian lingvon kaj la kulturajn valorojn kiujn ĝi enhavas.

La plej frapa okazos en 2009, kaj temas pri la 150-jara datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof. Tiu povas servi kiel centra temo por la disvolvo de la ceteraj agadoj.

...ni lanĉis la ideon krei specifan projekton, kiu permesu al nia movado sin elmontri al la ĝenerala publiko, kunigi niajn fortojn kaj koherigi la agadojn de la esperantistoj por venontaj du jaroj.

Sed la antaŭan jaron jam akumuliĝos diversaj dat-revenoj, kiuj estos bonaj okazoj por agadi, ne nur sojle de la zamenhofa jaro, sed ja memstare. Unu el ili estas vere internacia okazaĵo, nome, la proklamado fare de Unuiĝintaj Nacioj de la "Internacia Jaro de la Lingvoj" por tiu jaro 2008,"por antaŭenigi la unuecon en la diverseco de la lingvoj". La Asembleo de UN alvokis la ŝtatojn labori por la konservado kaj defendo de la lingvoj de la mondo.

Alia estas pure esperanta, sed ja kunmemorinda: en tiu jaro ni povas celebri la kreadon de Universala Esperanto-Asocio, kiu dume suferis plurajn ŝanĝojn, sed kiu plu estas la plej granda asocio de la tutmonda esperantistaro. Aldone al tiuj ĉi, iom malpli elstaraj sed tamen ankoraŭ gravaj kunmemorindaĵoj estos la datrevenoj de la publikigoj de du libroj tradukitaj en Esperanton: *Cigana Romancaro* de Federico García Lorca kaj *Rimoj* de Gustavo Alonso Bécquer, kaj la 100-jara datreveno de la fondiĝo de la klubo "Frateco" de Zaragozo.

Ĉio ĉi estas nepreterinda okazo por ke nia movado festu, sed ĉefe, por ke ni kapablu montri samtempe ke la idearo de D-ro Zamenhof kaj de la fondintoj de UEA plu havas sian lokon en la nuna mondo, kaj ke la idealoj elstarigitaj de Unuiĝintaj Nacioj estas spegulo de la ideoj kiujn nia movado deziras elmontri en la publika areno.

Tial, ni lanĉis la ideon krei specifan projekton, kiu permesu al nia movado sin elmontri al la ĝenerala publiko, kunigi niajn fortojn kaj koherigi la agadojn de la esperantistoj por venontaj du jaroj. Krome, ĝi povas esti utiligata por la propono de kunlaboro al eksteraj organizaĵoj, oficialaj, neregistaraj aŭ privataj, kaj ankaŭ por la peto de subvencioj, kiuj helpu al ni disvolvi niajn agadojn.

La kadro proponita limigas sin al la Hispana Ŝtato, kvankam eblas kaj dezirindas la kunlaboro kun aliaj asocioj, kaj ni specife apogos la agadojn organizotajn de UEA.

La iniciato fontas el Fondumo Esperanto, kaj ĝin aprobis la estraro de Hispana Esperanto-Federacio, kiu ĝin apogos kaj gvidos kiam necese, ĉefe en la rilato kun eksteraj oficialaj instancoj. Sed ĝi estas tute malferma al iniciatoj de aliaj asocioj, lokaj, fakaj aŭ sendependaj, kiuj deziros kunlabori en difinitaj agadoj aŭ elpensi siajn proprajn iniciatojn. Kaj ĝi bezonos la helpon, organizan, laboran, financan aŭ simple apogan, de la individuaj esperantistoj, ĉar sen ĉies laboro la projekto havos neniun sencon kaj neniun sukceseblon.

En venontaj paragrafoj ni eksplikos la unuajn proponojn super kiuj ni laboras. La projekto, kompreneble, ankoraŭ ne estas fermita, kaj do tiu ĉi estas la malneto, kiu estas amendota, modifota kaj kompletigota, laŭ la ideoj de tiuj ĉi kiuj pretas kunlabori, kaj laŭ la ŝancoj kiuj aperos laŭlonge de la disvolviĝo de la projekto. Notu ke en parto de la proponoj ni profitos la sperton akiritan dum la projekto por la kunmemoro de la publikigo de Donkiĥoto. Notu ankaŭ ke ni ankoraŭ ne inkludas la organizajn, tempajn kaj ĉefe financajn detalojn, ĉar ni ankoraŭ laboras pri tiu tre grava afero. Ni dividos la priskribojn laŭjare, ĉar ankaŭ la prezento ekstera estos disigita pro praktikaj kialoj.

La projekto de la jaro 2008 artikiĝas laŭ du aksoj: la proklamado fare de Unuiĝintaj Nacioj de la Internacia Jaro de la Lingvoj kaj la centjara datreveno de fondiĝo de Universala Esperanto-Asocio.

## Internacia jaro de la lingvoj 2008

La hispana esperantista movado apogos la aktivaĵojn kiujn, okaze de la Internacia Jaro de la Lingvoj, Unuiĝintaj Nacioj organizos en la geografia sfero kiu nin koncernas. Tiucele, Hispana Esperanto-Federacio kontaktos la instancojn kiuj en Hispanio reprezentas tiun organizaĵon, por proponi al ili nian kunlaboron por komuna celo.

Aliflanke, ni programos proprajn agadojn, kelkajn el kiuj ni listigas ĉisekve:

- Reeldono de la Manifesto de Prago de la movado favore al la internacia lingvo Esperanto, kiun HEF eldonis broŝurforme en la hispana lingvo, kaj kiu, niaopinie, plene kongruas kun la celoj fiksitaj de UN.

- Redakto de dokumentoj pri Esperanto en la oficialaj lingvoj de Hispanio kaj en Esperanto, por ties publikigo en informaj broŝuroj kaj en laretejo de Hispana Esperanto-

Federacio http://www.esperanto.es

- Kreado de speciala paĝaro en la retejo http://www.esperanto.es por konigi la Internacian Jaron kaj la aktivadojn rilatajn al ĝi.

- Kreado de specifa rubriko dum la tuta 2008 en la Boletín de Hispana Esperanto-Federacio, por konigi al la hispanaj esperantistoj la agadojn realigitajn de nia movado dum tiu Jaro.

- Utiligado de la Internacia Jaro de la Lingvoj kiel baza tema akso de la Hispana Kongreso de Esperanto kiu dum la jaro 2008 okazos en Cuenca (Kuenko). La Kongreso de tiu jaro estos aktivaĵo speciale malfermita al la ekstera publiko, kongrue kun la spirito de la Internacia Jaro, pro kio ĝi efektiviĝos helpe de samtempa tradukado, kaj ĝi programos aktivadojn por la homoj ne konantaj nian lingvon.

- Partopreno en *Expolingua* kaj en aliaj lingvaj foiroj okazontaj en la diversaj hispanaj urboj. Oni klopodos konigi en niaj budoj la celojn de la Internacia Jaro de la Lingvoj, kaj la kontribuon kiun Esperanto povas disvolvi en la celoj fiksitaj de UN rilate al tiu kunmemoro.

- Partopreno en librofoiroj en diversaj urboj, por montri la produktadon literaran (kaj kulturan ĝenerale) atingitan de Esperanto, kaj la kulturajn laborojn kiujn nia lingvo enhavas. Oni nun komencis pritrakti la eblecon partopreni la grandan Librofoiron okazantan ĉiujare en Madrido, kiu havas tutlandan karakteron, kaj kiu, spite al ĝia konsiderinda multekosteco, estas montrofenestro profitinda pro sia videblo en la kultura medio.

- Organizado de informaj prezentadoj en diversaj urboj, pri la kultura valoro de la lingvo Esperanto, ĝia rolo kiel vehiklo de komunikado inter personoj de malsamaj landoj kaj kulturoj, kaj ĝia kontribuo al la celoj de Unuiĝintaj Nacioj.

Krome, Hispana Esperanto Federacio kontaktos kun aliaj organizaĵoj partoprenontaj en la agadoj de la Internacia Jaro, cele proponi nian kunlaboron en tiuj agadoj en kiuj nia fokuso povas esti komuna.

## Datreveno de la fondiĝo de UEA

Dum la jaro 2008 ni festos la 100-jaran datrevenon de la fondado de Universala Esperanto-Asocio (UEA), nuntempe la plej reprezentan organizaĵon de la internacia esperantista movado. La ĉefa kunmemoro je tutmonda nivelo okazos en Roterdamo, sidejo de la organizo, kie dum tiu jaro disvolviĝos la Universala Kongreso de Esperanto.

La hispana esperantista movado kontribuos al la datreveno pere de diversajaktivaĵoj, inter kiuj ni povas citi:

➢ Ellaboro de informa dokumento pri la historio kaj nunaj celoj de UEA, kiu estos publikigita en la retejo www.esperanto.es

➢ Invito al reprezentanto de UEA ĉeesti la Hispanan Kongreson de Esperanto, por prelegi pri la organizaĵo.

➢ Celebrado de publika Konferenco pri la historio de Esperanto, kunlabore kun iu hispana kultura aŭ eduka instanco. Tiucele, ni planas la kontakton kun la *Sociedad Española de Conmemoraciones Culturales*, kaj kun publikaj universitatoj por la organizado kaj adekvata disvastigo de la evento.

➢ Disvastigo de la datreveno al la hispanaj amaskomunikiloj, pere de komunikoj, gazetarkonferencoj, informaj bultenoj, ktp.

Jen kelkaj proponitajn agadojn tiurilate:

➢ Revizio kaj reeldono de la informa broŝuro kiun pri la tradukoj de hispana literaturo en Esperanton eldonis Hispana Esper-anto Federacio.

➢ Ellaborado de artikoloj kaj aliaj dokumentoj pri la traduko de hispanaj verkoj en Esperanton por diversaj instancoj.

➢ Traduko al Esperanto de dokumentoj, publikigaĵoj aŭ retpaĝoj kreitajde la organizaĵoj rilataj al la verkoj kunmemoritaj.

➢ Publikigo de literatura verko, tradukita en Esperanton el unu el la oficialaj lingvoj de Hispanio. La verko estos konkretigita surbaze de la diversaj projektoj kiujn nuntempe disvolvas kelkaj hispanaj esperantistoj.

## Datrevenoj de la *Cigana Romancaro* kaj la *Rimoj*

Aliflanke, dum la jaro 2008 oni kunmemoras la datrevenon de la unua eldono de du gravaj verkoj de la hispana literaturo, kiun la Fondumo Esperanto publikigis en sia traduko al Esperanto: *Cigana romancaro* de Federico García Lorca kaj *Rimoj (Kun Supira Koro)* de Gustavo Adolfo Bécquer. Nia movado profitos tiun okazaĵon por disvastigi la kulturan valoron de Esperanto kaj ĝian rolon enla diskonigo de la hispana kulturo.

## Jaro 2009, datreveno de la naskiĝo de D-ro zamenhof

La plej elstaraj aktivadoj disvolviĝos dum la jaro 2009, kiam oni profitos la 150-an datrevenon de la naskiĝo de D-ro Lejzer Zamenhof, iniciatinto de la lingvo Esperanto, por memorigi lian figuron kaj speciale por disvastigi la internacian lingvon.

Oni ankaŭ disvolvos aktivaĵojn por studi la staton de la nuna hispana esperantista movado kaj pri la historio de la movado en Hispanio kaj aliloke.

Oni sekve kolektas kelkajn el la antaŭviditaj aktivaĵoj:

- Organizado de informaj prezentadoj en diversaj urboj, pri la figuro de D-ro Zamenhof, kaj pri la kultura valoro de la lingvo Esperanto kaj ĝia funkcio kiel komunikadperilo inter personoj kun diversaj lingvoj kaj kulturoj.

- Celebrado de Scienca Konferenco pri D-ro Zamenhof, kunlabore kun hispana kultura aŭ eduka instanco. Ankaŭ en tiu ĉi kazo oni kontaktos kun la *Sociedad Española de Conmemoraciones Culturales*, kaj kun publikaj universitatoj por la organizado de la evento.

- Organizado de prelegoj en esperanto en diversaj lokaj grupoj pri tiu ĉi lingvo, kaj ĝia kultura graveco.

- Dediĉo al la datreveno de la kulturaj cikloj kiujn kelkaj esperantistaj asocioj organizas regule. Ekzemple, de la Kongresoj naciaj aŭ regionaj, kaj de la Kultura Esperantista Semajno kiun ĉiujare organizas en diversaj urboj de la kataluna marbordo la Kultura Asocio Esperantista.

- Organizado de karavano kun origino en diversaj hispanaj urboj por faciligi la ĉeeston de hispanaj esperantistoj al la Universala Kongreso de Esperanto, kiu dum 2009 okazos en la pola urbo Bjalistoko, naskiĝurbo de D-ro Zamenhof.

- Donacado de ekzempleroj de *El hombre que desafió a Babel*, biografio de D-ro Zamenhof, verkita de René Centassi kaj Henri Masson, kaj tradukita en la hispanan de la Madrida Esperanto-Liceo en 2004, al oficialaj institucioj, al bibliotekoj kaj al aliaj publikaj instancoj. La havigon,fare de Fundación Esperanto kaj la lokaj kluboj, povos akompani prelego pri la trajtoj kaj ecoj de la lingvo Esperanto, pri la historio de la esperantista movado kaj pri la estontaj perpektivoj. La nombron de donacadoj oni ankoraŭ ne fiksis, sed ĝi povas esti ĉirkaŭ 60, depende de la programitaj aktivadoj kaj de la rimedoj je kiuj oni disponos.

- Traduko al la hispana lingvo kaj eldono de la libro *La Zamenhof-strato*. Temas pri libro de intervjuoj de Roman Dobrzinsky al la sola membro de la familio Zamenhof kiu supervivis la Holokaŭston, lia nepo Louis Christophe Zalensky-Zamenhof. La libro estas jam tradukita al pluraj lingvoj, inter kiuj la portugala.

- Publikigo de libro pri la historio de la hispana esperantista movado.En la momento de redakto de tiu ĉi propono oni ankorau pripensas diversajn eblecojn (pri la kataluna esperantista movado, pri la travivaĵoj de Esperanto dum la postmiliekonta periodo en Hispanio, pri la laborista movado, surbaze de la traduko de la libro *Laboristaj kronikoj* originale publikigita en Esperanto), kiujn oni konkretigos komence de 2008.

➢ Propono al la Publika Societo de Poŝtaĵoj de la eldono de poŝtmarko kunmemoranta la personon de D-ro Zamenhof (oni jam faris la unuajn demarŝojn tiurilate). Similajn petojn oni faros al aliaj organizaĵoj, kiel la Nacia Organizo de Hispanaj Blinduloj aŭ la Organizaĵo pri Loterioj, rilate al ebla uzo de lia figuro en la respektivaj loterikuponoj, same kiel al aliaj organizaĵoj.

## Fazoj kaj kalendaro

La projekto konsistas el diversaj aktivaĵoj, plejofte sendependaj inter si. Oni povos apartigi la aktivadojn rilatantajn al ĉiu jaro, por faciligi la organizadon. Tamen, kelkaj agadoj estos disvolvitaj dum ambaŭ jaroj. Krome, dum la cetero de la jaro 2007 oni komencos konkretigi la aktivadojn, kaj onifaros la unuajn demarŝojn cele al la kontakto kun la eksteraj instancoj. La detalan kalendaron ni redaktos post la fiksado de la agadoj.

## Rimedoj

La projekto tie ĉi proponita povos antaŭeniri nur per la engaĝiĝo kaj kunlaboro de la esperantista movado en Hispanio. Ĝi celas esti malferma, ne nur rilate al la partopreno de ĉiuj en la jam proponitaj aktivaĵoj, sed ankaŭ al eblaj kromaj agadoj, kiujn oni povos aldoni kaj konkretigi surbaze de la proponoj de la unuopaj esperantistoj aŭ asocioj. Ĉiu esperantista, ne nur hispana, estas do invitita partopreni en la projekto.

Estas antaŭvidite formi kunordigan skipon, kaj ĉiu esperantisto povos partopreni en ĝi, ĉu por la ĝenerala organizado, ĉu por la plenumo de difinitaj agadoj.

La kunlaboro povas esti ne nur labora, sed la materia kaj financa helpoj estos bonvenaj. Kelkaj el la agadoj postulos ekonomian elspezon, kaj do, ni petas la apogon de la esperantistoj kiuj povos helpi tiurilate. La helpo povas esti ĝenerala, per donacado al Fundación por la projekto, aŭ konkreta por agadoj kiujn la donacanto deziros specife patroni.

Krome, oni kontaktos kun eksteraj instancoj por peti ilian kunlaboron en la projekto. La helpo povos esti organiza aŭ, denove, financa. Estas antaŭvidita la petado de subvencioj al oficialaj instancoj, sekvante la modelon kiu sukcesis en la celebrado de la datreveno de *Don Kiĥoto*, kvankam ni devas konscii ke, memkompreneble, la akiro de tiaj subvencioj ne estas garantiata. Tio siavice povos influi sur la disvolvo de iuj el la agadoj projektataj.

Estas do grave ke nia movado konsciu ke por montri nian viglecon al la ekstera publiko, ni devus kalkuli ĉefe pri niaj fortoj. Jen kial estas tiom grava la partopreno kaj kunlaboro de ĉiuj esperantistoj en Hispanio por la sukceso de nia agado.

Antonio del Barrio

# Brila Internacia Esperanto-Semajno

En Tossa de Mar (Ĝirono) okazis la 15a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo, de la 29a de septembro ĝis la 6a de oktobro 2007. Aliĝis 129 geesperantistoj kaj fakte partoprenis 120.

Kiel ĉiujare la unuan programotagon oni dediĉis al la inaŭguro de la Libro-Servo, disdonado de dokumentoj kaj malfermo de la Esperanto-kurso, kiun ĉi jare brile gvidis Miguel Gutiérrez Aduriz. Al tiu kurso oni dediĉis unu horon kaj duonon ĉiutage, kun multnombra partopreno.

Post la vespermanĝo estis aranĝita Interkona Vespero kun akompano de ĉampano, frandaĵoj kaj senhalta amika babilado inter gepartoprenantoj el ok landoj.

La duan tagon, matene, okazis la solena inaŭguro de la Internacia E-Semajno kun ĉeesto de la urbokonsilanto pri Kulturo de Tossa de Mar kaj la protokola saluto de eksterlandaj gesamideanoj.

Posttagmeze, oni organizis unue la Esperanto-kurson, kaj poste prelegon de Antonio Marco Botella pri la temo "Eŭropo en perspektivo", kiun la preleganto difinis sub vidpunktoj ekonomia, politika, kultura kaj historia; li klarigis kiajn faktorojn kontribuis al la formiĝo de la aktuala Eŭropo, kiajn perspektivojn oni perceptas nun por la tuja estonto, kaj kiaj estas, liaopinie, la principoj politikaj kaj sociaj kiuj devus esti bazo de la Eŭropa Unio. Li finfine substrekis la etikajn devojn de Eŭropo por la malriĉaj popoloj de aliaj kontinentoj.

En tiu punkto la preleganto malfermis la debaton per la demando: kion vi konsideras la plej grava problemo de Eŭropo en tiu ĉi momento? Intervenis pluraj ĉeestantoj esprimante interesajn diversajn opiniojn en kiuj influis la ĝenerala opinio en la lando de la respektiva opinianto. Ĉar la debato ŝajnis neniam fini, la moderanto, Miguel Gutiérrez Adúriz devis meti finon aŭ certe ni ankoraŭ estus en la debato.

La tria programo-tago komenciĝis per ŝipa ekskurso: tre alloga ŝippromenado tra la proksimaj margolfetoj kaj kurioza rigardado de margrotoj; la ŝipo, kun travidebla fundo, ebligis la naĝadon de la la fiŝoj sub ni, kaj iom danĝere la ŝipo eniris en la grotojn kvazaŭ por doni emocion al la promenado.

Posttagmeze, Dro Máthé Ärpád, el Budapeŝto, prelegis por ekzalte omaĝi sr-on Luis Hernández Izal, laboristo senlaca, kiu tiel multe kontribuis dum multaj jaroj al la tasko pri kolektoj de libroj kaj E-periodaĵoj, kiujn la menciita hungaro pacience kaj inteligente registris.

Post la vespermanĝo, debato pri la temo "Radiografiaĵo pri UEA", kiun moderis kaj opiniis nia samideano Luis Serrano Pérez.

La kvara programo-tago komenciĝis per la Esperanto-kurso de Miguel Gutiérrez, kiu ĝuas grandan prestiĝon kiel instruanto kaj altiris al alta partopreno en la kurso. Kaj post ĝi, denove D-ro Máthé prelegis, ĉi-foje pri "Bibliografio kaj historio de la Esperantaj periodaĵoj", kiun ĉeestantoj povas nur admiri, ĉar estas tasko kiu postulas multe, multe laboradi kaj pacience konsulti librojn, gazetojn kaj ĉiajn periodaĵojn.




Jen diplomo kaj medalo de la premio Ada Sikorska Figuiera. Pozas geedzoj Botella-Gayarre

Posttagmeze, oni celebris la aljuĝon de la Premio "Ada Sikorska", kiun ricevis Antonio Marco Botella, sepdekjara esperantisto, aŭtoro de pluraj prihistoriaj verkoj en Esperanto kaj en la hispana lingvo, redaktoro dum pluraj jaroj de "Boletín" kaj "Kajeroj el la Sudo" kaj kutima preleganto en ĉi tiuj "Semajnoj". En tiu ĉi okazo, samideano Marco elvokis la personon de Ada Sikorska Fighiera, redaktorino de "Heroldo de Esperanto" dum multaj jaroj, senlaca laboristino por la esperantista idealo, prave s-ano Marco post emfazi ŝian laboremon kaj talenton, petis al la ĉeestantaro en tiu kunveno unuanime aplaŭdadi al ŝi kiel digna de plej alta memoraĵo!

Post tiu omaĝo-premio, denove s-ano Máthé prelegis por ekzalti kaj priskribi la biografiojn de Ramón Molera Pedrals kaj Luis Maria Hernández Izal, malfeliĉe ambaŭ jam forpasintaj, kies intensa laboro en siaj respektivaj Esperantaj Bibliotekoj kolektante librojn kaj periodaĵojn multe kontribuis al efika E-propagando, kaj precipe helpis al la prihistoriaj verkistoj. El la profundo de mia koro, la redaktanto de tiu ĉi kroniko, dankas ilin!

Post la vespermanĝo, s-ino Maria Ferigle prezentis vidbendon de la operao *Aida* por oper-amantoj.

La kvina programo-tago konsistis el tuttaga ekskurso al kastelo Sant Ferrán, lago Banyoles kaj "Humidaĵoj". En la auditorio de tiu ĉi lasta prelegis samideano Ives Eeckhout pri la temo "Birdoj, kial, kie kaj kiam observi kaj rekoni ilin", kun programo-tago la programo konsistis el promenado al la kastelo de Tossa, vizito

al la Lum-turo kaj al la Arta Muzeo. Posttagmeze, okazis la kutima Esperanto-kurso de Adúriz kaj poste prelego de  s-ano Vvolfgang Gunther pri "Komunikada ekologio: Esperanto-sinoptiko de ĝiaj porvivaj rekoniloj", certe interesa temo kiu ekigis postan debaton. Tuj poste, estis prezento de la video-filmo "La Bubo" de Charles Chaplin, kun esperantaj klarigoj. Vendredon la 5an de oktobro, duontaga ekskurso al la antikva urbeto Castelló d' Ampuries kaj Ampuriabrava, ambaŭ vidindaj.

Posttagmeze, okazis la fino de la Esperanto-kurso, kiun ni, partoprenantoj kaj ne-partoprenantoj, tre dankas al s-ano Miguel Gutiérrez Adúriz, ĉar oni vidis kun plezuro kiom da samideanoj partoprenis ĝin.Post la vespermanĝo ni ĝuis "Folkloran Vesperon" aŭskultante muzikon kaj precipe kantadon de tradiciaj *Habaneras* fare de la *Grupo Habaneras Montjuich* kaj la ĉiam agrabla *cremat* kiun ni ĉiuj plaĉe trinkis.

Kaj nenion pli restas el la programo, ja sabate matene nur oni vidis ĉirkaŭbrakojn, valizojn kaj adiaŭojn.....Specialan dankon al la organizantoj: samideanoj Luis Serrano Pérez, Salvador Aragay kaj Santiago Torné..... Ĝis la venonta jaro!!!!

Antonio Marco Botella

## La Patro

Temas pri la dua filmo de la firmao *Imagu Filmoj* de Brazilo, 40 minutojan longa kun subtitoloj en 13 lingvoj, male al Gerda Malaperis, la lingvaĵo estas tute normala, tio estas, ke ĝi celas ne lernantojn, kiel la fama verko de Piron, sed regantojn de la lingvo. La prononco ĉi-foje estas pli "internacia" ol en la antaŭa filmo.

Jen la kovrilo de la filmo, bazita sur verko de la japana literaturo: "Rubens Negromonte forlasis la edzinon kun tri infanetoj por travivi amaventuron kun sia amatino, post 20 jaroj li revenas almozpetule kun la espero rehavigi la familianojn kaj gajni ilian pardonon, sed io neatendita okazas kaj lia plano ne realiĝas...Io mistera ekzistas en tiu subita reapero... io klariĝas je surpriziga fino kaj la tuta mistero fariĝas komprenebla. Emociigu ankaŭ vi per la dramo de la familio Negromonte."

La filmo estas aĉetebla al la peranto Pedro Hernández por 13 eŭroj plus sendokosto.



# Internacia tendumado en Alakanto



“Konstruante” hom-turon

De la 16a ĝis la 22a de julio okazis la Senprograma Renkontiĝo en Callosa d’en Sarrià. Partoprenis ĉirkaŭ 60 homoj, plejparte junaj, el diversaj landoj. La tendumejo situas en bela natura medio, apud la fonto de la rivero Algar, loko ege taŭga por plonĝado. Organizis ĝin la junularaj sekcioj de Kataluna Esperanto Asocio kaj la klubo Varsovia Vento.

Manko de oficiala programo tute ne signifis enuiĝon. La katalunoj prezentis sian kulturon kaj lingvon. Estis kurseto pri la eŭska, la kataluna kaj eĉ ateliero pri toki pona. Por komencantoj oni gvidis esperanto-kurson per rekta metodo. Eblis ŝakludi, ekskursi tra la proksimaj montoj, ludi, drinkumi, babili esperante kaj “krokodile”, aŭ lerni pri la lokaj aromaj plantoj. Kelkaj portis siajn muzikilojn per kiuj oni ludis tradiciajn kantojn: gitaroj, akordiono, mandolino, violono kaj la tradiciaj katalunaj flaĝoletoj gajigis la nokto-festetojn.

La valencia televidkanalo Canal 9 elsendis raporton pri la evento kaj intervjuis al kelkaj partoprenantoj, jen ankaŭ disvastiga krom-efiko de la renkontiĝo.

La magistrato bonvenigis la tendumantojn kaj donis multajn faciligojn , kiel senpagan uzadon de la ban-areo de la rivero kaj de la urba naĝejo. Lokaj esperantistoj donacis al la urbo dulingvan eldonon de la *Amkantoj* de la fama mezepoka valencia poeto Ausiàs Marc, kun apuda esperanta traduko fare de Abel Montagut. Poloj donacis botelon da plej bona vodko.



Dum kurseto. Ambaŭ fotoj el esperanto.cat/spr/fotos.html

# Vojaĝintaj vortaroj per *Fundación Esperanto*

Vortoj emas vojaĝi, ĉu ere ĉu are, ĉu libere ĉu ligite, ĉu sole ĉu akompane... eĉ transoceane(n)...

Okaze de persona vojaĝo al Kubo mi kontaktis, kiel Sekretario de *Fundación Esperanto* kun esperantistoj por renkonti kun ili kaj transdoni ekzempleron de la *Vortarego* de Fernando de Diego (Gran Diccionario Español-Esperanto) kaj de *Kiĥoto* (ankaŭ ĝi estas vortarego, ega aro da vortoj).

Mi kontaktis kun Maritza Gutiérrez, fama esperantistino en Kubo. Ni dubis kiamaniere pli konvene organizi la donacadon (ĉu en universitata ejo, ĉu en publika biblioteko...). Mi fidis je la kriterio de la kubaj esperantistoj. Finfine, ili organizis renkontiĝon por la 3a de oktobro, en la sidejo de KEA (Kuba Esperanto-Asocio), ĉe strato Vista Alegre 264. Tie, post ascendado de ŝtupareto, vidiĝas afiŝo kun la devizo "Esperanto/ bona ideo".

La renkontiĝo estis tre amikeca kaj simpatia. Ni parolis pri esperanto en Kubo, pri Fernando de Diego, pri Kiĥoto, pri literaturo, ktp. Kvazaŭ deserto, iom da muziko kaj rumo... Reirante al Kiĥoto, ni memoru: "kie muziko sonas, ne povas ekzisti io mava" (2ª, XXXIV) (p.591).

Ĝenerale, la agadkampo de *Fundación Esperanto* troviĝas nur en Hispanio sed ĉi-foje, ni konsideris ke ĉi tiu agado estis inda, precipe pensante pri hispanparolanta lando kie esperanto vivas pro aktivaj esperantistoj kun malmulte da rimedoj. Ili komunikis ke Kubo volas kandidatiĝi por UK en 2010. Krome, mi profitis por transdoni aliajn materialojn kiel la filmojn *Gerda malaperis* kaj *La Patro* de Joe Bazilio Costa kaj la vortaron *Amika* de Miguel Gutiérrez Adúriz.

Do, alia amika momento en amerika lando.

Lorenzo Noguero



En la foto aperas la Sekretario de "Fundación Esperanto" transdonante la librojn al Maritza Gutiérrez (E-respondeculino kaj eks-estraranino de UEA) kaj al Julián Hernández (Prezidanto de KEA).

# La monda esperantistaro denove kunsidis en Japanio



Urba pejzaĝo en Jokohamo (vikipedio)

De la 5-a ĝis la 11-a de Aŭgusto okazis en Jokohamo, Japanio, la 92-a Universala Kongreso de Esperanto. Kiel kutime oni aranĝis multajn kromaktivadojn antaŭkongresajn kaj postkongresajn. Jokohamo estas havenurbo apud Tokio.

Kompreneble la ĉijara kongreso havis tre apartan japanan guston. La ĉeftemo de la kongreso spegulas tion: "Okcidento en oriento: akcepto kaj rezisto". Mi metis je la komenco la vorton "denove", ĉar en 1965 jam okazis UK en Tokio. ĉi-jare en Jokohamo ĉeestis iom pli ol 1800 partoprenantoj el 57 landoj. La jokohama kunestado ankaŭ havis specialajn aziajn trajtojn. Nature, krom japanoj estis tie pluraj esperantistoj el aziaj landoj kaj en la programo estis eroj tute pri aziaj temoj: "Komuna azia historio", Azia agado...

La komprenebla japaneca karakterizo de la kongreso estis ĉie videbla kaj la programo enhavis multajn erojn por pliprofundigi la kontakton kun la realo de japana kulturo kaj vivo:

- Oni povis aŭskulti pli ol unufoje prelegojn en la kadro "El Hiroshimo al la mondo";

- La internacia universitato inkluzivigis plurajn prelegojn pri la japana deveno, evoluo kaj estanteco. Mi citu ekzemple tre interesan prezentadon de la demokratio en Japanio post la Dua Mondmilito.

- Je la komenco de la kongreso iu japana intelektulo, Tatsuo Hujimoto, lerte kaj humure prezentis kelkajn trajtojn de la vivo de Japanoj en Japanio: "Japanoj japanas".

- Ĉiun tagon aktivis la tiel nomata japana ĉambro kaj tie oni klarigis pri tipaj aferoj de la japana kulturo: kimono; tea ceremonio; floraranĝado....

- Oni povis ankaŭ partopreni kurseton pri japana lingvo.

- Oni devas mencii specialan kunsidon pri poezio kun aktiva ĉeesto de japanaj poetoj neesperantistaj.

La vendreda Internacia Arta Vespero estis ĉifoje vere tutmonda. Oni

povis vidi tie artistojn, kantistojn kaj dancistojn el multaj partoj de la mondo, kun pluraj japanaj vizaĝoj. Lunde oni havis ankaŭ nacian vesperon.

Ankaŭ, krom merkrede, kiu tradicie estas rezervita por plurtipaj ekskursoj, la partoprenantoj nejapanaj ege deziris ekskursi. En ĉiuj aranĝoj oni povis ĝui mirindan japanan afablecon kaj efikecon.

La UK publikigis ĉiutagan kurieron. Ĉi-foje ĝi regule aperis interrete, por tiuj esperantistoj, kiuj ne povis ĉeesti en Jokohamo, kaj ankaŭ brajle. Brajlo estas la legskribkodo por blinduloj. Mi, ekzemple, kiu estas tute blinda, povis sekvi senbariere la novaĵojn pri kongresaranĝoj. Mi kompreneble ricevis brajle multajn aliajn materialojn prikongresajn, inkluzive de la kongreslibro.

Kvankam Japanio estas tre moderna socio, la manĝostilo havas tipajn trajtojn. Mi ekzemple ege ĝuis specialan bankedon organizitan por la blindaj kongresanoj, japanaj kaj nejapanaj, kune kun vidantaj esperantistoj, kiuj estis pretaj iomete nin helpi. Tie oni belege klarigis la enhavon,prezentadon kaj manĝ-manieron de speciala japana bankedo.

## Esperantologio

Ni ne bezonas klarigi, ke unu el la prioritataj temoj de ĉiu UK estas la traktado de esperantologia temaro. La ĉi-jara ĉeftemo estis sufiĉe amplekse prezentata kaj diskutata en tri kunsidoj. Apud la ekzisto de kulturoj specifaj por diversaj partoj de la mondo, oni devas agnoski, ke unu el la celoj de esperanto estas emfazi la homaranecon tutmondan. Estas facile kompreni, ke la konceptoj kiel okcidento kaj oriento, krom senduba geografia valoro, ne estas tro rigidaj. Ĉu la japana kulturo estas tre komuna kun tiuj de Ĉinio, Irano, Hindujo, la arablingva regiono? Ĉu en Eŭropo ne ekzistas granda kultura kaj vivstandarta diferenco inter, ekzemple, moldavo kaj svedo?

En la kadro de la kleriga tago, Brian Moon, vicprezidanto de la Akademio de Esperanto brile enkondukis la temon: “esperanto ĉu eŭropa aŭ tutmonda”. Sendube Esperanto estas eŭropa kreaĵo sed havas trajtojn, kiuj igas ĝin bone alirebla kaj uzebla ankaŭ por homoj, kies denaska lingvo ne estas hindoeŭropa. Tiurilate, la sinteno kaj traktado de esperantlingvaj aferoj fare de japanoj estas ege interesa.

Mi plezure ĉeestis kunsidon “memore al William Auld”. Li, kiu forlasis nin lastatempe, estis ne nur bonega poeto skribinta originale en esperanto, sed ankaŭ homo escepte engaĝita en la antaŭenigo de nia tutmonda movado. Li skribis ankaŭ esperantajn lernolibrojn tre elstarajn, “Paŝoj al Plena Posedo”.

Mi sentis fieron, kiam mi persone transprenis la paperan diplomon en la nomo de mia sanlandano Toño del Barrio, kiu en la Belarta Konkurso de UEA gajnis premion en la branĉo "Eseoj"[1].

Mi, aktiva kaj regula aŭskultanto de radioelsendoj en esperanto, precipe tiujn de Pola Radio, ege ĝojis ĉeesti specialan kunsidon de la internacia aŭskultantaro, kiun gvidis Barbara Pietrzak, el pola Radio, kun la ĉeesto de maria Gutiérrez de Radio havana, Kubo, kaj de pluraj ĵurnalistoj de ĉina Internacia Radio.

En Jokohamo oni elektis novan estraron, kie restis nur unu el la vicprezidantoj de la malnova estraro, Claude Nourmont. La nova prezidanto estas la hinda lingvisto D-ro Probal Dasgupta kaj la sekretario estas la brila ĵurnalistino de Pola Radio Barbara Pietrzak. En la nova estraro oni havas la ĉilianon José Antonio Vergara kaj la japanon Yasuo HORI.

En 2008, okaze de la centjariĝo de UEA la UK estos en Roterdamo. En Jokohamo oni decidis, ke la centkvindeka datreveno de la naskiĝo de Zamenhof estos celebrata per la UK en lia naskiĝurbo, Bjalistoko (Pollando).

Pedro Zurita




La organo de UEA, Esperanto, abunde informis pri la kongreso

## Pedro Zurita en Pola Radio

La 07-an de septembro 2007 en la podkasta e-elsendo de Pola Radio oni intervjuis sr-on Pedro Zurita, kiu antaŭ la 92-a UK en Jokohamo partoprenis seminarion organizitan de la Japana Asocio de Blindaj Esperantistoj pri enlaborigo de blinduloj.

La interparolo estis okazo ankaŭ demandi pri la profesia kariero de la antaŭmikrofona gasto, internacia aganto en la blindula movado. Pedro estas membro de HEF, loĝas en Madrido kaj agadas por re-eldoni esperantan lernolibron en brajlo kun la helpo de la hispana blindul-asocio ONCE.

Nia Voĉo

1 La eseo de Toño del Barrio legeblas en la unua numero de Beletra Almanako kaj rete en www.liberafolio.org/2007/normalalingvo

# Kongreso en Maribor

En la dua plej granda urbo de Slovenio, unu el la orienteŭropaj ŝtatoj lastatempe aliĝantaj al la Eŭropa Unio, Maribor, okazis de la 28 de julio ĝis la 4 de aŭgusto, la 7-a Kongreso de Eŭropa Esperanto-Unio kun 250 gepartoprenantoj el 26 landoj. La temo de la Kongreso ne havas rilaton kun iu ajn esperanta aŭ lingva problemo, sed rilatis al iu grava kaj nuntempa ekologia problemo: la akvo.

La gekongresanoj, diversmaniere, ĉefe fervoje, atingis Maribor la 27an de julio kaj en la perono de la stacidomo, kia surprizo kaj samtempe agrablaĵo, familio Obradovič estis atendante al la alvenintaj gesamideanoj por konduki ilin al la respektivaj loĝejoj, eĉ buso esti preta por konduki al la studenta restadejo, situanta pli ol 2 kmojn for de la urbo, al tiuj kiuj mendis tiun plej malmultekostan tranoktejon; aliaj elektis diverskategoriajn hotelojn situantaj en la centro de la urbo.



Vesna Obradovič, vera motoro de la kongreso

La dokumentojn, inter ili, kompreneble, la kongresan libron kun tre bone kaj interesa raporto de Flory Witdoeckt pri EEU, kaj t-ĉemizon kun la emblemo de la Kongreso ni ricevis, sabate la 28an de julio, en Kibla, urba kultura centro, kiu dum la kongresa semajno funkciis kiel renkontiĝejo kaj kie estis situataj ĉiuj ajn servoj ligitaj al Kongreso, kiel Libroservo, Ekskursoj, Bankedo, ktp.

Tipa bierejo nomata Štarjerc estis la ejo elektita de la Organiza Komitato por tie okazigi la Interkonan Vesperon plenaere. Kisojn, brakumojn kaj salutojn oni interŝanĝis inter la malnovaj konatuloj, pluraj el ili rememoris nian komunan ĉeeston en la Internacia Esperanto-Semajno okazinta pasintjare en La Pineda. Dum la Interkona Vespero kelkaj gustumis Esperantan bieron, speciale verdkoloran bieron, ellaborita por la Kongreso. Kvankam, mi ne kuraĝis gustumi ĝin, laŭ la opinio de gesamideanoj kiuj ĝin gustumis ĝi estis bongusta. Ankaŭ dum la Interkona Vespero, ni ĉiuj frandis esperantan torton por festi 120 jarojn de Esperanto en Slovenio

La Solena Inaŭguro okazis, post hisado de la esperanta flago en la Placo de Libereco, situanta en la centro de la urbo, en salono de Izum, kiu estis plenplena da gekongresanoj.

Ĉe la prezida tablo sidis Sean O

Riain, Prezidanto de EEU; Flory Witdoeckt, Vicprezidanto kaj Z. Tiŝljar Sekretario, akompanis ilin Margareta Handzlik, pola eŭroparlamentanino, prezidantino de la Honora Komitato de la Kongreso kaj reprezentanto de la urbestro de Maribor

Krom la kutimaj bonvenigaj vortoj de la Prezidanto de EEU, de la Prezidanto de la Organiza Komitato de la Kongreso kaj de la reprezentanto de la urbo, Prof. Endre Dudich, el Hungario, faris la inaŭguran prelegon pri la kongresa temo: akvo. La kongresa temo estis disvolvita dum du sinsekvaj tagoj, lundon kaj mardon, per prelegoj en Andragoski, konstruaĵo apartenanta al la akva societo de Maribor kaj situanta apud la kongresejo. Inter la prelegantoj estis du hispanoj: José Salguero kiu parolis pri birdoj kaj Rafaela Urueña kiu parolis pri Verdaj Konfliktoj.

En la Domo de Malnova Vito, tipa mezepoka konstruaĵo, ni estis akceptataj de reprezentanto de la urbokonsilantaro kiu post bonvenigaj salutvortoj, slovene kun esperanta traduko, invitis nin viziti la muzeon kaj gustumi bongustan blankan vinon.

Pola eŭrodeputitino Margareta Handzlik, esperante, malfermis serion da prelegoj pri Ĝenerala temo titolita "Interkultura dialogo kaj komunikado", en la sama salono kie okazis la Inaŭguro. Ŝi klarigis la lingvan sistemon uzanta en la EU instancoj kaj la kostoj pri multlingvismo. Laŭvice, alia eŭrodeputitino Ljudmila Novak el Slovenio, ankaŭ esperante parolis pri la neceso fortigi la interkulturan dialogon.



Margareta Handzlik, prelegante

Ankaŭ parolis, slovene kun samtempa esperanta traduko, slovena parlamentano Marko Pavliha kiu prezentis al ni la problemojn de la minoritatoj en Slovenio. Dum la paŭzo inter la prelegoj, ni povis, senpage, trinki kafon aŭ refreŝigaĵon. Per koncerto de la Akademia Kantkoruso el Slovenska Bystrica kiu kantis diversajn slovenajn komponaĵojn finis la aranĝoj de la unua kongrestago.

Laŭlonge de la semajno ni havis eblecon aŭskulti interesajn prelegojn pri unu el la du kongresaj temoj. Ĉi tie, mi deziras emfazi prelegon de franca samideano, kadre de la temo Interkultura dialogo kaj komunikado pri Regionaj, Naciaj kaj Internacia Lingvo. Ni povis partopreni en diverstipaj kaj interesaj ekskursoj, inter

ili tiu okazinta merkrede al Kanjono de Bled kaj rapida, sed interesa trarigardo, de la ĉefurbo  Ljubljana.

Kompreneble, ne mankis la kunsidoj en kiu oni raportis pri la farita kaj  la farota laboro, flanke de la estraro de EEU.

En la Ĝenerala Kunsido estis pluraj kaj diversaj intervenoj de la ĉeestanta publiko .Dum ĝia okazigo oni informis pri la decido nomumi japanan samideanon, Étsuo Miyoshi, la unuan honoran membron de EEU pro sia malavareco apogante per grava financa subteno la disvastigo de Esperanto en Eŭropo. Oni parolis ankaŭ pri la agado de EEU en la Eŭropa Unio.

La distra kaj amuza programo konsistís el koncertoj de moderna muziko, kiu plenumis artistojn kiel: George Handzlik, Attila Schimmer, Solo kaj Jomo. Por amantoj de la klasika muziko estis du eblecoj: koncerto de orgeno en la Katedralo kaj piankoncerto en la urba teatro, post du teatraĵoj: "Galaksia kroz-ŝipo Ludoviko" ludata de la Drama Grupo de la Studenta Esperanto grupo el Zagreb kaj interesa monologo titolata "Stilekzercoj" kies nura rolanto estis Henri de Sabates.

Resume, interesa kongreso kun varia programo kiun ni devas danki al la senlaca laboro de la Organiza Komitato, speciale de la sekretariino Vesna Obradovič

Luis  Hernández



De maldekstre dekstre: Flory Witdoeckt, Zlatko Tišljar, Sean O. Riain,Prezidanto, George  Handzlik kaj Peter Balaž, ,membroj de la estraro de EEU.

# Internacia Junulara Semajno en Hungario

Ĉijare okazis granda evento por la hungara esperantistaro: la 20a Internacia Junulara Semajno. Dum la pasintaj dudek jaroj Hungara Esperanto-Junularo (HEJ) organizas someran renkontiĝon ĉiujare. Kompreneble 2007 estis speciala jaro por la organizantoj, kaj kelkaj homoj el Madrido decidis partopreni en ĝi. Ni estis Matilde Montero, Silvia Gómez, Félix Lobo kaj mi, Juan Trenado.

La vojaĝo komenciĝis en la Madrida flughaveno en Barajas, kie ni prenis aviadilon por flugi al Budapeŝto. La celo estis eta vilaĝo, Tab, situanta sude de la granda lago Balatono. Post la flugado ni prenis taksion, kiu portis nin al stacidomo ĵus kvin minutojn antaŭ la ekiro de la trajno. Post duhora veturado en varmega trajno, ni atingis Siofok-on, kaj per alia trajno alvenis Tab-on. Peniga veturado, sed finfine ni atingis la kongresejon.

La sekvan tagon okazis solena malfermo ĉe la kulturdomo, prezidata de la urbestro, kaj poste la verda flago estis hisata. La vilaĝon oficiale konkeris Esperantio! La programo estis ege interesa. Krom la kutima kurso pri Esperanto, ankaŭ estis aliaj pri la hungara kaj la hispana lingvoj (ĉi lasta gvidata de Félix), ni povis ĝui koncerton de ĵomart kaj Nataŝa, amuziĝi en solena balo, ekscii pri la vojaĝo tra la mondo de Daniele Binaghi, lerni pri abel-bredado, viziti la lagon Balatonon, akvobatali kontraŭ fajr-estingistoj de la vilaĝo, pied-pilkumi kontraŭ Tab-a teamo, ktp. Certe multaj aktivaĵoj, ĉiuj akompanataj de ĉarmaj homoj kaj belega etoso. akompanataj de ĉarmaj homoj kaj belega etoso.




Félix instruas la hispanan al scivolemaj e-istoj

Konvenas emfazi la balon, kiu ĉi tiun jaron estis speciala, kiel mi jam menciis antaŭe. Ni gustumis specialan vespermanĝon, tostis je IJS, dancis, kaj manĝis dat-revenan torton. Kiel ĉiujare, novaj partoprenantoj en IJS faris solenan (kaj amuzan) ĵuron super la verda flago. Mi estis inter tiuj, kiuj ĵuris, ĉar mi partoprenis ĝin unuafoje, sed ne lastfoje, mi esperas.

Bedaŭrinde la vetero en Hungario ne multe helpis al ni, ĉar dum nia restado tie estis varmo-ondo en la tuta Eŭropo, kaj fakte en Hungario la temperaturo atingis 45 gradojn. La kongresejo ne havis aer-klimatizadon kaj varmego 'makulis' la aktivaĵojn.

Pro tio nokta bierumado estis ege agrabla kaj regis bonega etoso, babilante kun homoj el multaj eŭropaj landoj. Surprizo atendis nin, kiam unu nokton alvenis hispano el Reĝurbo, Raúl Martínez, kiun ni ne konis antaŭe. Kun li, ni kompletigis la reprezentadon de Hispanio en la hungara renkontiĝo.

Antaŭ ol adiaŭi, ĉiuj devis pruvi sian talenton en la Internacia Vespero. Kaj ĉiuj povis konstati ke vere estas grandaj kapabloj inter esperantistoj. Estis kantado en Esperanto (krom aliaj, Nataŝa kaj ĵomart denove dediĉis al ni belajn kantojn) , legado de rakontoj kaj poemoj, fascinaj dancoj, ludado de violono kaj gitaro, ktp. Oni eĉ prezentis al ni novan internacian lingvon: la ebrian lingvon! La spektaklo finiĝis post fin-parolado de la organizantoj. Ni kore dankis al ili ilian dediĉon kaj bonan organizadon. Kvankam ni ĉiuj estis tre lacaj post ses mirindaj tagoj, preskaŭ neniu havis emon dormi, kaj ni ĝuis la akompanon de la aliaj homoj lastfoje ĉar fine, la sekvan tagon okazis la ekiro.



Dum la kantado

Por mi estis belega okazaĵo. Mi ne nur mi praktikis Esperanton kaj sufiĉe plibonigis mian Esperanto-nivelon, sed ankaŭ konatiĝis kun ĉarmaj kaj interesaj homoj, kaj kvankam la daŭro de la IJS estis preskaŭ unu semajno, tamen mi eliris dezirante, ke la renkontiĝo ne finiĝu. Kaj tio ege gravas, ĉar unu sekundon post la fino oni jam deziras ripeti venontjare. Ĉi tio estas indico de sukceso.

Juan Trenado



post ‘batalo’ kontraŭ la fajro-estingistoj

# Sukcesa kaj bonega IJK-63

Post sep jaroj (Hong Kong en 2000), IJK — Internacia Junulara Kongreso de TEJO (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo) — ĉi-jare okazis denove en Sudorienta Azio.

Inter la 28a de julio kaj 3a de aŭgusto la kongreson gastigis Hanojo, la ĉefurbo de Vjetnamujo. Same kiel mirakle resaniĝis la lando post teruraj militaj okazaĵoj en la pasinta jarcento, reviviĝis ankaŭ la Esperanto-movado en tiu lando, kies junulara organizo, VEJO, antaŭ du jaroj estis akceptita kiel la 44a landa sekcio de TEJO. Kaj ili montriĝis tre bonaj kaj afablaj gastigantoj.

Post plurmonataj kursoj en la universitato de fremdaj lingvoj, loka kongresa komitato sukcesis ekhavi kelkdekan armeon de junaj, laboremaj kaj amikemaj helpantoj, kiuj simple ne povis lasi eventualaĵojn. Ili prizorgis ĉies peton, demandon aŭ plendon, tiel ke neniu kongresano restis malkontenta.

La kongresanoj (ĉirkaŭ 200) povis konatiĝi kun historio de Vjetnamujo kaj pri la kulturo, muziko, danco kaj kuirarto, sed same pri multaj aliaj temoj. Unu el plej interesaj kongresaj tagoj estis Internacia tago, dum kiu la partoprenantoj mem kontribuadis per prelegoj kaj diskutoj pri siaj landoj kaj en kiu okazis internacia festivalo — foira prezentado de lingvoj, landoj, manĝaĵoj kaj aliaj interesaĵoj el la tuta mondo.

Rilate al la ĉeftemo, estis organizitaj kelkaj prelegoj kaj diskutrondoj, inter kiuj plej interesa estis prezento "Vjetnamio survoje al renoviĝo" dum kiu oni povis aŭdi multon pri laŭdinda sukceso de la vjetnama popolo.

TEJO-komitato ne sukcesis kunveni en kvoruma kvanto, kaj tial ne okazis elektoj de nova estraro aŭ iu ajn decido. Sed kunsidis reprezentantoj de Aziaj landoj. Ankaŭ okazis kunveno de Vjetnama Esperantista Junulara Organizo, en kiu elektiĝis nova estraro. La ekskursa programo estis abunda kaj plaĉa. Krom vizitoj al la urbaj vidindaĵoj (maŭzoleo de Ho Chi Min, pagodoj kaj lagoj), okazis tuttaga vojaĝo al Ha Long golfo, kiun UNESCO enskribis en la liston de mondaj heredaĵoj pro ĝia unika kaj elstara aspekto. Tie troviĝas miloj da diversgrandaj insuloj kun interesaj formoj, grotoj kaj naĝejoj.

La kongreso akiris grandan atenton de loka gazetaro. Verŝajne unu el kialoj estis fakto ke kongresanoj venis el pli ol 30 landoj, kaj tio kolorigis la semajnon tutmonde kaj alloge.

Resume, la kongreso en

Vjetnamujo estis bonvena ŝanĝo post kelkaj eŭropaj kongresoj, kun iom malsama malneto sed tre bona etoso, kun ege diligenta kaj kapabla organiza teamo, sen grandaj problemoj aŭ maltrafaĵoj, kun ebleco por Esperantistoj el foraj landoj (aparte el Azio, Afriko kaj Aŭstralio) unuafoje veni al IJK kaj interkonatiĝi. Almenaŭ tial mi kredas ke ĉiuj partoprenintoj taksos ĝin kiel sukcesa kaj bonega.

Kompreneble, en ĉi tiu artikolo ne eblas transpreni ĉiujn detalojn de la kongresa semajno, kiel sonon de tradiciaj kantoj, ridetojn de gehelpantoj, gustojn de manĝaĵoj, humidecon kaj varmecon, malmolecon de senmatracaj litoj, trafik-funkciadon, abundecon de urba bazaro aŭ vesper-programan etoson. Tiajn detalojn eblas nur travivi kaj mem sperti, kaj konvinkiĝi ke Internacia Junulara Kongreso de TEJO estas unu el plej ĝojplenaj kaj amuzaj eventoj en Esperanto-mondo.

Haris Subašić

Unue Aperis en La Ondo de Esperanto, 2007,8–9.Haris Subašić estas la nuna prezindanto de TEJO

La venonta Internacia Junulara Kongreso (IJK) okazos en la hungara urbo Szombathely.

## Ĉu la esperanta Itala Radio malaperos?

La 1-an de oktobro la itala radio RAI ĉesis elsendi al eksterlando per mallongaj ondoj, kvankam programojn en kelkaj lingvoj oni plu produktos, la esperantaj disaŭdigoj estis nuligitaj en tiaj medioj kvankam ne restas klara la estonto de la retaj programoj. La programoj en esperanto ekis la jaron 1935, kaj rekomenciĝis en 1950 post la Dua Mondmilito. Lastatempe ili konsistis el dudek minutoj ĉiun sabatan vesperon. Oni petis ret-mesaĝi al :

- Vic-ministro Ricardo Franco Levi levi_r@camera.it
- Direktoro de RAI Piero Badaloni p.badaloni@rai.it



## Diversaj ret-servoj nun esperantigitaj

Iom post iom kompletiĝas la bunto de programoj kaj ret-servoj kiujn ni povas uzi en esperanto. La paĝaro por foto-storado *Ipernity* (Ipernity.com) inkludas esperanton inter kvin aliaj lingvoj. Krom tio, la nova servo por ret-taglibroj, *Nireblog* (nireblog.com/eo) jam ekzistas en nia lingvo.



## lingva festivalo

La Kopenhaga lingva festivalo estas festo, en kiu oni celebras la lingvan diversecon kaj donas gustumajn provojn de kelkaj el la lingvoj de la mondo. Sabate la 15-an de septembro ĝi okazis je la dua fojo, kaj oni intencas ke ĝi iĝu ĉiujara kopenhaga evento - almenaŭ ĝi laŭplane nepre okazu ankaŭ en la venonta jaro, kiun ja kaj EU kaj UN proklamis lingvorilata. Pasintjare la lingvan festivalon organizis Esperanto-klubo sola, ĉi-jare aliĝis la Gronlanda Domo.

liberafolio.org (fragmento)

## Projekto Eratosteno

La eksperimento de Eratosteno konsistas el mezuri ombron sub la Suno la saman tagon en du tre malproksimaj lokoj kaj poste kalkuli dimension de la Tero. Kelkaj lernejoj jam provis fari la mezuron (oni trovas detalojn pri tiu simpla metodo per Interreto), sed la plej grava barilo estis ĝis nun la lingvo... Do ni Esperantistoj pruvu la utilecon de nia lingvo! Jen grandega projekto por, per kaj dank' al Esperanto!Tiu projekto koncernas ĉiujn scienc-amantojn, de grupo da infanoj ĝis klubo da malnovaj esperantistoj! Partoprenu!

http://www.satesperanto.org/-Projekto-Eratosteno-.html

## Prelego kaj nova kurso de esperanto en Ĉinio

La 27an de septembro okazis prelego fare de la hispana esperantisto Augusto Casquero, en la ĉina urbo Foshan, en la “Faklernejo pri Aŭtomobila Meĥaniko”, pri Esperanto en Esperanto, kun samtempa tradukado al la ĉina lingvo de la Ĝenerala Sekretario de la Esperanto-asocio de Kantono, s-ro Liu Weizhuan.

Ĉirkaŭ 200 junaj gelernantoj partoprenis la prelegon, montrante grandan intereson. Krom la prelego mem ili povis rigardi la videofilmon en la internacia lingvo “Ie en Ĉinio”, de Roman Dobrzynski, kaj muzikan videon de koncerto de Jomo en Pollando. Fine de la prelego la partoprenintoj havis eblecon rigardi diversajn e-librojn kaj gazetojn.

Vidante la entuziasmon de la gelernantoj oni proponis al la ĉeestantoj partopreni kurson de Esperanto, ideo kiu tuj estis akceptita de la respondeculoj de la lernejo kaj de la lernantaro. Entute aliĝis ĉirkaŭ 50 gelernantoj.

Augusto Casquero

Informa ret-portalo pri Ĉinio
esperanto.china.org.cn/

# La 80a SAT-Kongreso




La 80a SAT kongreso okazis ĉijare la lastan semajnon de julio sude de Parizo, Francio, kaj pli precize la kongresejon kaj la restadejon gastigis respektivaj universitataj instancoj de urbeto Antony. Partoprenis inter 100 kaj 150 kongresintoj, depende de la tago kaj la programero, bedaŭrinde ĉefe eŭropanoj, kiel kutime. Ĉiukaze ili profitis la okazon por viziti interesegan urbon kaj samtempe partopreni en la ununura Esperanto-kongreso kie la ĉefa intereso estas implikiĝo en socipolitikaj aferoj ekde progresema vidpunkto, kiel taŭgas en laborista asocio.

Tiele ekzemplaj temoj traktitaj dum debatoj estis la pasinta Monda Socia Forumo okazinta en Kenjo, malarmado kaj senminigado, solidareco kun handikapuloj aŭ kontraŭ malsato, liberaj programoj, manipulado de semoj kaj multaj aliaj pri kio engaĝitaj esperantistoj devus opinii kaj agadi. Krome kaj kompreneble okazis ankaŭ la kunsidoj pri la vivo de SAT, kie oni diskutis pri la ŝanĝoj en la vivo de la asocio, ekzemple per nova skipo por la redaktado de Sennaciulo, per novaj taskoj por SAT-rondoj aŭ la Poresperanta Fako, per la novbakita Eldonkooperativo kiu povis montri dum la kongreso siajn ĵusajn eldonaĵojn, nome libro pri mortopuno, T-ĉemizoj kaj glumarkoj.

SATanoj kaj neSATanoj profitis la kongreson por viziti Parizon, ĉiam vizitenda, ĉu unuope, arete aŭ dum kongresaj ekskursoj. Unu el tiuj, la plej emocia, alportis grupon de kongresantoj post la spuroj de la pariza komunumo. Ni ricevis informon pri la revolucio de 1871, la lokoj kie tio okazis (ni estis tie) kaj kio okazis en ĉiu loko kun aparta vizito al la tombejo Père Lachaise kie

estis entombigitaj ne nur multaj masakritaj komunumanoj, sed ankaŭ aliaj revoluciuloj kaj eĉ famuloj. Alia ekskurso vizitis hejmon de handikapuloj, alia artometiejon, metalfandejon kaj enkamparajn muzeon, kastelon kaj ĝardenon, ktp.

Nokte estis tempo kaj okazaĵoj por distri sin sen forgesi la socipolitikan tendecon de la kongresanta organizo. Franciska Toubale teatrumis pri militaj problemoj kaj historiaj diferencoj inter japanoj kaj ĉinoj, blindulo Famo koncertis per sia akordiono emocie francajn kantojn ĉu rekte ĉu tradukitajn kaj impresis nin per sia lerteco, aliaj gitaristoj kaj kantistoj bildigis restajn noktojn (kiel amuza la nova franca himno, ne La Marsejlez' sed la Majonez'!) kaj finfine la lasta nokto la koncerto de Jomo kaj la Liberecanoj.



Kongresanoj pozas dum vizito al la sidejo

Aliaj interesaĵoj de la kongreso estis la vizito al la SAT sidejo aŭ la konstato pri la vivo de la frakcioj (revigliĝis la Liberecana, kiu verŝajne reaperigos sian bultenon Liberecana Ligilo, oni alvokas al refondiĝo de la Socialista, daŭriĝas la Sennaciista, ktp.)

Oni devas gratuli la OKKanojn (de la grupo ILO de sudpariza urbo Kastelforto) kaj aliaj kunlaborantoj, pro sia strebo kaj sukceso, ĉar estis gravaj problemoj nek en la kongresejo nek en la restadejo nek dum la ekskursoj. La tre riĉan libro-servon prizorgis SAT-Amikaro. Kaj ĉiuj faris sian eblon por kontribui al la sukceso de la kongreso, kio vere okazis. Neniu dubas, ke ekzistas bezono de tiaj kongresoj ne tiom neutralaj aŭ senimplikaj kiaj estas tiuj de UEA aŭ aliaj esperantaj organizoj. Venontjare SAT-kongreso okazos en Kazanlako, Bulgario, en fama Valo de Rozoj.

José María Salguero (Kani)

# Hispana Kongreso 2008

La Hispana Esperanto-Kongreso okazos en Kvenko (Cuenca) la 3a ĝis la 6a de julio 2008. La kongresejo estos la *Colegio Mayor Alonso de Ojeda.*

## Kotizoj

Normala: 35 eŭroj
Junulo (ĝis 25 jaroj): 30 eŭroj

## Rabatoj

Membro de HEF: 5 eŭroj
Aliĝo antaŭ la 1a de marto 5 eŭroj
10-opaj aŭ pliopaj grupoj: 5 eŭroj

➢Kalkulu vian kotizon; ekzemple, se vi estas pli ol 25-aĝa membro de HEF kaj vi pagos antaŭ la 1a de marto via kotizo estos 25eŭroj.

➢Informo pri loĝado ankoraŭ ne disponeblas, tre eble oni disponos malmultekostan kaj taŭgan loĝadon ĉe la kongresejo mem. Oni informos kiel eble plej frue ĉe la retpaĝaro de HEF.

➢Pagu la kotizon en jena bankokonto:Banco Santander Central Hispano 0049 4917 16 2696637046

➢Nepre indiku en la pagilo “Kongreso Kvenko” kaj la nomon de la pagintoj.

➢Post la pago en la banko, sendu retmesaĝon se eblas, aŭ poŝtleteron, indikante la nomon de la paĝanto kaj la nomojn, retadresojn aŭ poŝtadresojn de la aliĝantoj kaj iliajn telefonnumerojn, urbojn, landojn kaj kotizojn pagitajn; se vi uzis rabato(j)n, bv. klarigi la kialo(j)n.

➢Sendu retmesaĝon al alejandro.pareja@gmail.com aŭ poŝtleteron al
Alejandro Pareja Rodríguez
C/Cantueso, 14
28039 Madrid
(Hispanio)